20a Jaro - No 7 (209) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Julio 1934

# BELGA ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908a
OFICIALA ORGANO DE BELGA LIGO ESPERANTISTA
Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

DIREKTORO
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilrijck-Antverpeno
(Tel. 777,58)

ANONCOJ
Henri PETIAU
St. Lievenslaan, 60, Gento
Poŝtĉeko de la LIGO:
No 1337.67 (Wilrijck)

## EN FAMILIA RONDO

# Granda Esperanto-Tago

Ni kredis ke ni ne pli bone povis agi por doni impreson pri la vera familia kunsentado dum la granda Esperanto-tago, kiu okazis en Antverpeno, dimanĉon la 17an de Junio, ol donante tuj la bildon sur kiu ni retrovas ĉiujn, kiuj iamaniere solidariĝas en niaj funebroj, en niaj malĝojoj, kiel en niaj festoj kaj plezuroj, ĉiujn do, kiuj partoprenas en nia nacia Esperanto-vivo, kun ĝia sinsekvado de gajaj okazoj kaj mizeroj.

Tiu ĉi bildo, pli bone ol longaj frazoj, donas partoprenis. Por tiuj, kiuj kuniris, ĝi estas memoraĵo, sed memoraĵo tre pala, kiu ne donas ideon, pri la sentoj, kiuj superregis ĉiujn : tiujn, kiuj parolis, kaj tiujn, kiuj aŭskultis, dum la duonhoro, dum kiu ni iris kaj restis en la apudeco de nia ĉiam bedaŭrata Prezidinto.

Kaj ni estas certaj, ke la familianoj de la forrabita amiko ankaŭ trovis konsolon, en tiu atmosfero de frata kunsento ĉe ĉiuj, kiuj vere emociplene partoprenis al tiu simpla, sed impona ceremonio de



**La partoprenintoj al la ceremonio**
*(Tiu ĉi fotografaĵo — formato 18×24 — estas mendebla ĉe la Direktoro je 5 fr. Pago al P.Ĉ.K. 1700.10)*

ideon pri la imponeco de la sekvantaro, kiu iris posttagmeze al la enterigejo, por saluti lastfoje nian karan formortinton ; ĝi montras kiel multnombraj venis al Antverpeno, la amikoj de Bruĝo, Bruselo, Gento, Lieĝo, Liero, Mariaburgo, Sta. Nikolao, k.c. ; ĝi ankaŭ konsekras la partoprenon de malnovaj samideanoj, kiuj iukaŭze apartiĝis de ni kaj faras sian propagandan laboron aliloke, sed kies manon ni estis feliĉaj premi en tiuj malgajaj cirkonstancoj.

Kaj se tiu bildo, tiel bone, tiel klare, parolas anstataŭ ni, ĝi tamen nur parolas por tiuj, kiuj ne la inaŭgurado de la Monumento Frans Schoofs.

Por elvoki iomete la atmosferon de la Esperanto-tago mem, ni demandis al S-ro Willy De Schutter verki la raporton ĝeneralan, dum S-ro R. Dechesne bonvolis prizorgi la specialan raporton pri la kunsido de Dimanĉmateno, kiu anstataŭis la kongresan ĝeneralan kunvenon.

Vi legos, Kara Leganto, tiujn du raportojn en tiu ĉi numero kaj certe estos feliĉa tiel refoje kunvivi okazintaĵon, kiu postvivos ankoraŭ longtempe en via memoro.

Maur. JAUMOTTE

# Ĝenerala kunveno de Belga Ligo Esperantista

**Plenplena Salonego.**

La salonego de la kafejo « De Witte Leeuw », la ordinara kunvenejo de la loka grupo « La Verda Stelo », estis tro malgranda, por enteni ĉiujn la amikojn, kiuj deziris ĉeesti la kunsidon de la Belga Ligo.

S-ro Cogen prezidis, ĉirkaŭata de S-roj Petiau, sekretario ; Jaumotte, kasisto ; De Ketelaere, ĉef-delegito de U. E. A.

Senkulpigis sin : S-ino kaj F-ino Algrain ; F-ino Baiwir, S-roj Bissot, Braet, Ch. kaj J. De Coster, Dotselaere, Kempeneers kaj Van Genechten.

La prezidanto, antaŭ la ekstarinta kunvenantaro, emocie parolis pri la gravaj funebroj de la lastaj monatoj : la Reĝo, alta protektinto de niaj kongresoj ; Frans Schoofs, la tiel bedaŭrata prezidanto, al kiu posttagmeze ĉiuj alportos honorsaluton ; la fratoj Zamenhof, k. c. forfalis !

Feliĉe lia parolado ankaŭ alportis sunradion... la akcepton de nia reĝo Leopoldo la IIIa konservi la titolon de « Honora Prezidanto », kiun li jam alprenis, kiam li estis Duko de Brabanto.

Li daŭrigis alvokante ĉiujn, por ke neniu perdu kuraĝon kaj ke ĉiu daŭrigu kun ĉiam pli granda obstino, la pacan bataladon.

Tiam sekvis la raporto de la ĝenerala Sekretario, S-ro Petiau, kiu estas jena :

**La raporto de la Sekretario.**

Estimataj Geliganoj,

Se ni ĵetas rerigardon al la pasinta jaro ni konstatas, ke malgraŭ la krizo, ĝi ne estas pli malbona ol la antaŭaj.

La diversaj grupoj okupis sin pri la propaganda laboro organizante, kiel kutime, paroladojn, kursojn, festojn, ekskursojn, k.t.p. Specialajn gratulojn ni ŝuldas al niaj amikoj el Antverpeno, Bruĝo, Bruselo kaj Lieĝo, kiuj ageme laboris kaj donis taŭgan helpon al la Ligo.

La Ligestraro prizorgis la ĝeneralan propagandon rilatante kun diversaj organizaĵoj. Ĝi speciale devis sin okupi pri la grava problemo de la reorganizo de nia movado. Ni povas diri kun fiereco kaj granda kontentiĝo, ke estos dank'al la klopodoj kaj al la inteligenta organiza kapablo de nia kara Prezidinto, S-ro Schoofs, ke sukcesis la « Interkonsento de Ĝenevo » — oficiale akceptata dum la lasta kongreso en Kolonjo — dank'al kiu, post tiom da diskutoj kaj planoj, la unueco de la movado estis fine atingata ! Ni esperu, ke tiu unueco baldaŭ donos bonajn fruktojn kaj tio ne dependos de nia « Belga Ligo », kiu helpos laŭ sia tuta povo, la bonan funkciadon de la nova organizaĵo.

Malgraŭ niaj daŭraj insistoj, ni ne sukcesis decidigi la nacian Radio-Societon reorganizi la esperantajn Radio-kursojn. Ni daŭrigos niajn klopodojn, ĉar la Radio-kursoj estas bonega rimedo por disvastigi nian lingvon kaj varbi novajn adeptojn.

Je sia flanko, « Belga Esperanto-Instituto » senbrue, sed senĉese, daŭrigis sian praktikan kaj utilan agadon, eldonante kaj presigante novajn librojn kaj vendante ĉiuspecajn esperantaĵojn. Por doni al vi ideon pri la graveco de la ĝis nun atingita rezultato, ni diru, ke la subskribita kapitalo alproksimiĝas Fr. 160.000 el kiu Fr. 110.000 estas pagitaj. Kiam oni konsideras tiun mirigan rezultaton, akiritan post nur ok jaroj, ni povas fieri pri nia belga esperantistaro kaj fidi je la estonteco ! Sed, ni ne forgesu, ke tiu bonega rezultato estas la frukto de sistema kaj praktika laboro de la gvidantoj de la Instituto ; ni do sekvu ilian ekzemplon se ni volas ankaŭ sukcesigi nian propagandan agadon : ni laboru praktike ! Pro la nunaj malfacilaj ekonomiaj cirkonstancoj, la publiko fariĝas pli kaj pli indiferenta pri ĉiu ideala movado ; estas do nia tasko klopodi por trovi praktikajn rimedojn por venki tiun indiferentecon, kiu estas nia plej grava malamiko ! Ke ĉiu Samideano alportu sian kunhelpon por konservi nian anaron kaj varbi novajn adeptojn. « Unueco estas Forteco », Se ni ĉiuj kunigas niajn fortojn ni baldaŭ sukcesos. Ni do laboru unuece kaj praktike !

Antaŭ ol fini mian raporton, restas al mi agrabla tasko por plenumi. Mi faras al mi agrablan devon elkore danki la organizintojn de la lasta kongreso en Bruselo kaj speciale F-inojn Jennen, Obozinski, S-rojn D-ro Van der Biest, Castel kaj Hart. Mi estas al ili tiom pli dankema, ke malgraŭ tre malfacilaj cirkonstancoj, ili kuraĝe akceptis organizi la kongreson en la ĉefurbo kaj malgraŭ ĉio la sukceso estis plena kaj la restado en Bruselo plej agrabla. La kontentiĝo de ĉiuj kongresanoj estu ilia plej bone meritita rekompenco !

Karaj Geamikoj !

Vi scias, ke la nuna Ĝenerala Kunveno anstataŭas nian jaran kongreson, kiun ni devis prokrasti pro la subita morto de nia kara kaj plej agema Prezidanto : S-ro Schoofs. Lia ne atendita forrabo estas por nia movado neriparebla perdo ! Li estis modela kaj kapablo-plena gvidanto kaj lia malapero estas ege grava por la estonta bona funkciado de nia Ligo. Estas do nepre necese, ke ĉiuj belgaj Samideanoj kaj speciale la grupgvidantoj subtenu la Ligestraron en ĝia estonta laboro.

Kun ne esprimebla kontenteco ni konstatis la unuaniman funebran kunsenton de nia Samideanaro pro la morto de nia Prezidanto kaj ni tutspeciale dankas niajn Antverpenajn amikojn pro ilia tuja kaj oferema kunhelpo por ordigi la funebran ceremonion kaj zorgi por la daŭra, bona funkciado de niaj diversaj organizaĵoj.

Al S-ino Schoofs, la tiel kuraĝa helpantino de nia kara formortinto, ni prezentas la plej profundajn kondolencajn sentojn de la belga samideanaro kaj la plej sincerajn dankojn de la Ligestraro por la gravaj servoj de ŝi faritaj kaj daŭre farataj al nia Esperanta afero. Ke nia dankemo kaj nia preteco ŝin helpi en ĉiuj cirkonstancoj estu por ŝi kaj por ŝia fileto Leono malgranda konsolo en ŝia kordolora funebro !

Kaj nun karaj gesamideanoj alten la koroj ! Ni ne lasu nin malkuraĝigi kaj por plej bone honorigi la memoron de nia kara formortinta Prezidanto, ni hodiaŭ solene promesu labori en plej granda interkonsento kaj agemo por la fina venko de nia idealo !

Vivu Esperanto !

Ĝenerala aplaŭdo valoranta aprobon sekvas tiujn belajn parolojn.

S-ino Elworthy aldonas kelkajn vortojn pri la kurssukceso, kiun ŝi rikoltis en Mariaburg kaj estas pro tio tre gratulata.

**La raporto de la Kasisto.**

Tiam aŭdiĝas S-ro Jaumotte, kiu, post kelkaj diroj pri la organizo de la hodiaŭa programo, komunikas sian kasistan raporton, kiu vidigas ke la pasinta jaro estis kontentiga je financa vidpunkto pro eldono de nur 4 numeroj de Belga Esperantisto.

Li atentigas ke nuna jaro povus havi ankaŭ similan finon kasan se la ĵurnalo ne aperus ĉiun

monaton. Sed pro la nuna demandita eldonreguleco novaj rimedoj estas necesaj kaj S-ro Jaumotte tre insistas por ke ĉiu grupo zorgu pri varbo de pliaj membroj kaj pri rikolto de anoncoj.

Tiu raporto estas plene aprobata de la ĉeestantoj, kiuj interŝanĝas siajn opiniojn pri la rimedoj proponitaj, kaj nome favorigas proponon de F-ino Thooris pri kreo de anoncetoj por korespondado kaj aliaj temoj.

**Belga Ligo kaj U. E. A.**

Nun S-ro De Ketelaere ricevas la parolpermeson por pritrakti pri la U.E.A.-demando.

Post memorigaj vortoj pri sia antaŭulo, S-ro Schoofs, li konigas la novan situacion de U.E.A. kaj faras sin fervora defendanto de tiu ĉi asocio, kies gravan rolon li klare difinas. Li atentigas ankaŭ pri la granda utileco de U.E.A.-jarlibro kaj ĵurnalo, kaj diras varman alvokon por varbo de aktivaj membroj de U.E.A.

Pri la jarlibro li petas ke oni estu iom paciencema, ĉar ĝia eldono devis esti prokrastata pro reorganizo de la tuta afero, pro konsekvenca malfruiĝo en la enkasigo de la kotizoj kaj ankaŭ pro morto de S-ro Schoofs.

Liaj finaj vortoj iras al la ligestraro por danki pro la fido kiun ĝi montris al li per lia elekto kiel ĉefdelegito.

S-ro Cogen konstatas la intencojn bonajn kaj interesa kaj konvinka raporto kaj gratulas lin pro lia akcepto de la grava posteno.

Al demando pri la membrokartoj S-ro Jaumotte respondas, ke ili estas pretaj kaj estos baldaŭ disdonataj. S-ro Jaumotte konservas la parolvicon por iom paroli pri Belga Esperantisto kaj nome invitas la grupojn sendi ne nur siajn kronikojn, sed ankaŭ siajn deziresprimojn pri aranĝo kaj enhavo, tiamaniere ke la revuo ne estu la ĵurnalo de la direktoro sed fariĝu tiu de la legantoj.

S-ro Cogen konsatas la intencojn bonajn kaj praktikajn de la nova Direktoro kaj gratulas tiun ĉi en ĉies nomo. Post lia invito, la kunvenantaro aklamas ambaŭ anstataŭantojn de S-ro Schoofs, S-rojn Jaumotte kaj De Ketelaere.

En tiu momento eniras S-ro Moy Thomas, kiun S-ro Cogen prezentas kaj dankas pro lia vizito el trans la maro.

Post dankaj vortoj de nia angla samideano, kiu estas invitata sidi ĉe la estrara tablo, S-ro Cogen petas, ke ĉiu bonvolu diri sian opinion pri la rimedoj uzeblaj por progresigi la movadon.

**Nia Propagando.**

Multaj personoj partoprenas nun la ideinterŝanĝon kaj nome esprimas la dezirojn, ke oni provu ree presigi poresperantajn artikolojn en la bulteno de Touring-Klubo (propono de S-ro Lavisse), ke oni klopodu por enkonduki la instruon de Esperanto en la lernejojn (propono de S-inoj Staes, Elworthy kaj F-ino Jennen), ke la instruistaro estu ankaŭ almilitata (propono de S-ro Baiwir), ke la servoj de B. E. I. estu uzataj por aĉeto de libroj kaj paperaĵoj, presado aŭ eldono de materialo propaganda aŭ alia (propono de S-roj Cogen kaj Boffejon), ke Esperanto-libroj estu donacataj al nia Reĝa Honora Prezidanto (propono de S-ino Elworthy), ke klopodoj estu farataj por ke la Biblioteko « Albertine » kreu Esperanto-fakon (propono de S-ro Baiwir) kaj speciale ke oni metode organizu la propagandon por havigi al ni la amason necesan por ceteraj celadoj (plano de S-ro Boffejon).

La estraro notas ĉiujn tiujn interesajn proponojn por ilin detale pristudi dum venontaj kunsidoj siaj.

La kunsidantoj nun aplaŭde akceptas proponon de S-ino Elworthy nomi la hodiaŭan kunvenon 23-a belga kongreso de Esperanto.

**Nia estonta kongreso.**

Fine la membroj parolas pri la venontjara kongreso, dum kiu estos festata la 30an datrevenon de la fondiĝo de Belga Ligo Esperantista.

Ĉar ŝajnas ke dubo ekzistas, S-ro Jaumotte rememorigas ke pasintan jaron oni jam decidis ke la kongreso de 1935 okazos en Bruĝo. Certe oni ne iris al Spa en 1934, sed dum la jaro de la Ekspozicio de Bruselo, ne estas rekomendinda iri en urbo kiel Spa, kie tre certe jam je tiu momento estos multaj fremduloj. Ni do konservu Bruĝon, kie, eĉ okaze de granda alfluo, ni povas nin apogi sur granda, laborema grupo, la plej malnova de Belgujo, plej bone lokita por la festado de jubileo.

Longa aplaŭdo montras ke senescepte ĉiuj ĉeestantoj deziras ke oni konservu la vicon de Bruĝo, kaj S-ro Cogen substrekas tiun signifon de la aplaŭdo. Kvankam la estraro de la Ligo devas preni la finan decidon, ĝi tre certe tion faros laŭ la indiko de la membroj.

S-ro Cogen daŭrigas dankante ĉiujn kongresanojn. Poste la kunsido estas fermata je la 12 horo 40.

René DECHESNE.

* * *

## LA KOMUNA TAGMANĜO

**Agrabla atmosfero.**

De la kafejo « De Witte Leeuw » multaj esperantistoj iris al la Hotelo « Roi Albert » Stacidomplaco.

Pli ol kvindek geesperantistoj partoprenis en bela ĉambro la komunan tagmanĝon. La manĝaĵoj, bone preparitaj, kaj la rapida kaj zorga servado kontentigis la plej malfacilajn.

Je la fino S-ro Cogen legis la tekston de telegramo kiu nome de la Belga Ligo Esperantista estis forsendata al la Honora Prezidanto, la Reĝo, kaj al la Reĝa Familio.

La teksto estis :

*« La belgaj Esperantistoj kunvenintaj en Antwerpen okaze de sia 23a kongreso aklamis toaston al sia Honora Prezidanto kaj al la Reĝa Familio. »*

*
* *

Responde al tiu ĉi telegramo S-ro Cogen ricevis ŝtattelegramon redaktitan jene :

*« La Reĝo estis tre kortuŝita per via lojaleca sciigo kaj komisiis min transsendi sian sinceran dankon al vi same kiel al ĉiuj, kies interpretanto vi estas. »*

*Statsekretario de la Reĝo.*

# La Inaŭgurado de la Monumento Schoofs

### Al la enterigejo.

Je la tria la partoprenantoj de la Esperanto-tago en Antverpeno kunvenis je la eniro de la enterigejo Schoonselhof.

Tie ankaŭ jam atendis delegitoj de la Polica Grupo Esperantisto kun ĝia flago. Tiuj delegitoj antaŭiris la sekvantaron, en kiu multaj bukedoj estis portataj.

La vetero ĉiam estis belega. Tra la, de freŝverdaj arboj surombrataj aleoj, malrapide progresis la sekvantaro. En la avenuo, kiu kondukas al la kastelo, atendis S-ino Frans Schoofs kaj ŝia filo Leon, ĉirkaŭataj de multaj gemembroj de la familio. La grupo en funebraj vestaĵoj kontrastis dolore kun la belegeco de la parko, banante en la bruletanta sunlumo.

Nun la longa, longa procesio pasis la kastelon antaŭ kiu la naturo, kondukita de homaj manoj starigis verdajn honorarkaĵojn por la mortintoj, kiuj ripozas en tiu vasta ĝardeno.

Inter la verdaĵbariloj, kiuj kaŝas al maldiskretaj rigardoj la lastajn ripozejojn de la foririntoj, la procesio alvenis al la tombo de Frans Schoofs. Tie atendis delegitoj de la Skoltoj Esperantistaj kun sia standardo.

### Ĉirkaŭ la tombo.

En korkunpremanta silento la ĉeestantoj alproksimiĝis al la tombo, sur kiu la memorŝtono ankoraŭ estis kovrata per granda Esperanta flago. La standardoj de la Policanoj kaj de la Skoltoj lokiĝis dekstre kaj maldekstre de la monumento.

La tombo troviĝas en ekstera vojo de tomboparko inter du bariloj de kreskaĵoj, en loko, kie nenio aŭ neniu venos ĝeni la meditadon de tiuj, kiuj alportos poste sian memorpenson al la kara formortinto.

La emocio, ĉiam kreskante, pentriĝis sur la vizaĝoj de la ĉirkaŭantoj.

### Alparolo de S-ro Jaumotte.

Nome de la subskribintoj, kiuj partoprenis en la efektivigo de ideo pri monumento, antaŭmetita de la loka grupo, por kiu la perdo de amata prezidanto, de ŝatata amiko, estis tiel kruela, S-ro Jaumotte elparolis paroladon, kiun ni plej zorge klopodis rekunmeti :

Kara Sinjorino Schoofs, Geachte Familieleden,
Estimataj kaj karaj Geamikoj,

La atmosfero estas tiel serena, la vetero tiel bela, la suno tiel arda, la kreskaĵoj tiel freŝaj kaj verdaj ke mi ne kuraĝas diri, ke en tiu ĉi enterigejo, kiu aspektas nunmomente kiel senlima parko, ni sentas tiun korpremantan funebran impreson, kiu tie ordinare regas.

Kaj mi estas certa, ke se el sia tombo, nia kara formortinto nun povas alrigardi nin, li devas senti veran ĝojon, vidante ĉirkaŭ li, tiel multnombrajn amikajn vizaĝojn, venintajn el la diversaj belgaj Esperantourboj por alporti al li, per komuna kunesto, la saluton de la tuta belga Esperantistaro.

Kelkajn momentojn antaŭ ol li foriris por la granda lasta vojaĝo, li, sur sia malsanuleja lito, diris al unu inter ni, kiu lin vizitis : « Dividu la postenojn ».

Tiu devizo sonoras kiel la « Divide ut imperes » de la Romanoj, sed iu « Divide ut imperes » instigata nur per bela penso, la fortikigo kaj sukcesigo de nia movado. Li verŝajne, en lasta alrigardo al la mondo, en lasta lucida penso ekkonsciis, ke neniam plu en Belgujo iu ekstaros kiu, kiel li, volos fordoni sian tutan tempon, sian tutan laborkapablon, sian tutan vivon por nia idealo, por Esperanto.

Kaj ni povas esti fieraj, Karaj Geamikoj, ke kiam ni, hodiaŭ, venas antaŭ lian tombon, tri monatojn post kiam li forlasis nin, ni povas nin rigardu unu la alian en la okuloj, konsciante ke ni faris la dividon, ne laŭ persona deziro, sed en plena konkordo, en plena unueco, laŭ tio, kion ni konsideris la plej bonan manieron.

Ni kompreneble ne scias, ĉu la hodiaŭa divido estos la bona, sed ni fidas, ke kiam ĉiujare, la Antverpenaj amikoj almenaŭ revenos antaŭ tiun ĉi tombon, ili estos akirintaj ĉiufoje la rajton al lia aprobo...

Kiam, antaŭ ok jaroj, S-ro Schoofs kun kelkaj inter ni, starigis la Belga'n Esperanto-Instituto'n, unu el liaj grandaj esperoj estis, ke iam ,en Antverpeno, stariĝos Esperanto-domo.

Tiun esperon lian ni nun hodiaŭ plenumas. Ni staras antaŭ Esperanto-domo, konstruita sur Esperanta tero.

Sed malfeliĉe, tiu ĉi unua Esperanto-domo, ne estas tiu, en kiu li povos akcepti fremdajn kaj enlandajn amikojn ; en kiu li povos labori kaj en kiu li sentos ĉirkaŭ si ĉiujn esperantaĵojn, kiujn li tiel bezonis.

Tiu unua domo estas lia tomba domo...

Ni starigis ĝin el hardŝtono kaj granito, ĉar ni volis ke ĝi daŭru. Sur ĝi, ni, sub lia nomo, devis meti titolon. S-ro Schoofs, vere ne jam plu apartenis al la kategorio de la unuaj pioniroj de Esperanto ; li apartenis jam al pli juna generacio, sed tre certe neniu, pli ol li, meritis tiun titolon de «pioniro ».

Ni tial ĝin elektis, kiel la plej belan, kiun ni povis aldoni al lia nomo, kiel vi tuj povas vidi.

### La vualo falas.

Meze de la silento la Esperanto-flago, kiu kovris la monumenton forfalis.

La antaŭa, kuŝanta parto de la monumento estas el blua malmola ŝtono tre simpla kun malgranda loko, rezervita al kreskaĵoj. La malantaŭa staranta parto konsistas el larĝa iom kurba granitŝtono, sur kiu oni vidas grandan kvinpintan stelon, sub kiu troviĝas :

FRANS SCHOOFS
Pioniro de Esperanto
1888-1934
Edzo de
HENRIETTE
VAN DEN PUTTE

Apud la larĝa ŝtono staras malgranda granita kolono, kiu portas belforman amforon. La funebra monumento estas tre simpla, sed impresiga.

En Flandra lingvo, S-ro Jaumotte sin turnis tiam al S-ino Schoofs kaj la aliaj gefamilianoj kaj diris :

Estimataj Gesinjoroj,

Ni Esperantistoj kompreneble ne intencas mezuri nian funebron al la via, nian perdon al la via. Sed mi tamen volas diri, nome de ĉiuj, kiuj tie ĉi tiel multnombraj staras ĉirkaŭ tiu ĉi ĉerko, ke neniuj pli bone ol ni kapablas kompreni, kia granda estas tiu via perdo.

Permesu ke mi, nome de ĉiuj subskribintoj, kiuj kunhelpis

al la starigo de la simpla sed daŭra monumento, metu kelkajn florojn sur la tombon de nia kara formortinto.

## La partopreno de la Belga Ligo.

Post kiam S-ro Jaumotte estis restinta dummomente silente, kapklinite antaŭ la tombo, S-ro Cogen legis nome de Belga Ligo Esperantista, sekvantan tekston :

Estimataj Gesamideanoj,

Kiam, la tagon de la enterigo de nia karmemora Amiko Schoofs, post la dirado en la funebra domo de niaj bedaŭroj kaj de niaj kondolencoj, ni alvenis ĉe ĉi-tiu tomba loko, ni ĉeestis mutaj la lastan agon de la ceremonio kaj kapablis nur, plorante, ĵeti florojn kaj iom da polvo sur la ĉerkon baldaŭ englutotan en la sino de la tero.

Sed, reirintaj en la urbon, niaj Antverpenaj amikoj de « La Verda Stelo » diris al ni ke ili aĉetis tiun ripozlokon de nia Prezidanto kaj volis surmeti sur ĝi simplan sed decan monumenton rememorigan samtempe pri la kara mortinto kaj pri Lia dumviva agado. Ili invitis do ĉiujn samideanojn partopreni en la monofero malfermita kun tiu celo, kaj eĉ kun la sian tutan ekzistadon al ĝia atingo.

Kara, bedaŭrata Frans, multŝatata Prezidanto, jen viaj amikoj staras denove antaŭ via tombo, kun koro emocioplena. Ili venas reesprimi al Vi sian dankon pro ĉio kion Vi faris por la idealo kiu estas al ili kaj estis ankaŭ al Vi tiom kara. Ili venas ankaŭ renovigi sian dolorplenan senton pro via tiel frua foriro en alian mondon eble pli bonan ol la nia, sed ili ĉefe deziras ke neniu, kaj precipe ne la junaj kaj la venontaj Esperantistoj forgesu Vin. Ili, male, volas ke Vi restu por tiuj junaj kaj venontaj samideanoj la instiganto, la ekzemplodonanto, la gvidanto, la brila suno kiu lumigos ilin kaj varmigos ilian koron sur la vojo al la fina venko de nia sankta Entrepreno.

Tial viaj amikoj, kara Frans, dediĉas al Vi tiun daŭran monumenton kiun per piaj manoj ili hodiaŭ florumas.

Via ripozo fariĝu, se eble, ankoraŭ pli dolĉa je l'konstato ke vere Vi vivas en nia ĉies memoro kaj koro !

## La saluto de U. E. A.

Fine S-ro De Ketelaere, ĉefdelegito de U. E. A., aŭdigis jenan deklaron, nome de la internacia movado :




**La monumento ĉirkaŭita de la flagoj de la policistoj kaj skoltoj Esperantistaj. Ambaŭflanke: maldekstre S-ro Jaumotte, kaj, dekstre, S-ro Cogen, dum ili paroladas.**

celo starigi kapitalon por favorigi la movadon Esperantan en Belgujo, sub nomo « Fondaĵo Schoofs ». Tiamaniere ili certe agis laŭ la sekreta deziro de nia bedaŭrata Frans.

Kaj jen, ili ne perdis sian tempon, ĉar vi vidas nun tiun monumenton tutfinitan kaj povas juĝi ĉu la intencita celo estas atingita ! Certe via respondo estos : « Jes ! »

Je la nomo de Belga Ligo Esperantista, de ĝiaj grupoj kaj de la belga Esperantistaro mi kore dankas ĉiujn malavarajn donacintojn kiuj ebligis la starigon de tiu granita memoraĵo al nia formortinta Amiko. Ho certe ni estus dezirintaj ĝin starigi multajn, multegajn jarojn pli estonte; eĉ ni estus volonte lasintaj tiun zorgon al niaj propraj posteuloj, por ke Frans estu povinta resti inter ni kaj havi la ĝojon konduki sian laboregon por la Bona Afero ĝis diversaj ŝtupoj pli altaj en la proksimiĝo de l' fina sukceso de nia entrepreno ; sed, ho ve, tion ne volis la sorto ! Ni devas submeti nin al ĝia volo kaj rezignacii konstatante ke neniu pli ol Amiko Frans meritas tiun honorigon. Li estis efektive la plej bona inter ni ; Lia sindonemo al nia idealo estis senlima kaj Li vere dediĉis

Apenaŭ tri monatoj forflugis depost la terura bato kiu haltigis nian spiron kaj disŝiris nian koron. La subiteco de via foriro, kara amiko Schoofs, estis konsterniga kaj vi lasis en niaj rangoj konfuzecon kaj neripareblan malplenaĵon.

Nur iom post iom penetris en nin la senkompata realeco : ni perdis nian gvidanton, ni perdis Esperantiston neanstataŭeblan. Nelacigebla vi estis en la laboro por Esperanto ; vian tutan vivon vi vivis por ĝi. Esperanto estis via vivocelo : ĉien ĝin disvastigi, konverti la homojn al ĝi, instrui ĝin al ili, konsciigi ilin pri la neceseco de la kuna laborado, de la grupiĝo, nacie kaj internacie. Ĉu estas do mirige ke vi iĝis la apostolo de la Universala Esperanto-Asocio en Belgujo, ke vi komprenigis al ni la subtenon ŝulditan al U.E.A. Vi konvinkis nin pri tio, ke movado kiel Esperanto estas esence internacia, aŭ se vi volas pli ĝuste kaj pli klare : supernacia kaj bezonas do nepre supernacian organizaĵon.

U.E.A. ŝuldas al vi ĝian grandan disvastecon en Belgujo. Ĝi krom tio ŝuldas al vi grandan parton de la unueciga laboro farita pasintan jaron en Kolonjo. Mi ĝuis la grandan

privilegion kunlabori en la kunsidoj kie estis naskata, per grandaj penoj, la nova pakto kiu unuecigus U.E.A. kaj la naciajn movadojn. Estis kvazaŭ la sorto tiel volis ke mi estu la atestanto de la lasta, grava akto de via internacia vivo, por ke mi povu atesti tie ĉi pri la grandega, la plej granda rolo inter ĉiuj, kiun vi tie ludis. Kiel atestanto, kiu konis delonge vian superhoman laborkapablon, mi tamen daŭre estis mirigita pri la konstanta laborado kiun vi plenumis, pri la influo pri kiu vi disponis en tiu plej alta medio internacia; kiel viaj konsiloj estis aŭskultataj kun la pleja atento de ĉiuj partioj; kiel vi kapablis solvi per genia propono la plej nesolveblajn problemojn. La internacia movado kaj U. E. A. perdas en vi amikon kaj subtenanton plej efikan.

Vi estis la Ĉefdelegito de U.E.A. La naciaj kaj internaciaj aŭtoritatoj de Esperanto preskaŭ altrudis al mi, la neefektigeblan devon esti via posteulo. Kiel neinda posteulo via, kiel belga ĉefdelegito, mi plenumas la devon prezenti al vi okaze de la inaŭguro de via funebra monumento, la honorsaluton de la Universala Esperanto Asocio, de la tutmonda Esperanto-movado. Via memoro, kara amiko Schoofs, vivos en la mondo; ĉie via nomo estos prononcata kiel tiu de heroa oficiro falinta dum li plenumis sian devon. Post via longa senhalta laboro, la ripozo estu al vi donata.

Kara amiko, ni klopodis eternigi vian memoron per tio kio estis al vi tiel kara: via monumento simboligas vian Esperantistecon, kaj daŭrigos vian apostolecon, ĉiame vokante pri Esperanto, nun ke via voĉo devigite mutiĝis.

Adiaŭ, kara Sus, via ripozo estu dolĉa kaj paca. Adiaŭ.

### La danko de la familio.

Granda emocio ekskuis la ĉeestantaron, kiam Leon, la dektrijara filo de la prezidinto antaŭenvenis. Tre pala en siaj funebraj vestaĵoj, kun larmoj en okuloj kaj en la voĉo, papereton en la tremantaj manoj, li komencis : « Geamikoj »... sed la emocio malhelpis lin daŭrigi. Multaj ĉeestantoj ploris kun la familio...

S-ro Jaumotte tiam legis la vortojn de varma danko de la familio pro ĉio, kion la Esperantistoj faris por honorigi la memoron de la prezidinto.

Granda amaso de floroj baldaŭ tute kovris la ŝtonon. Lastan saluton de la flagoj kaj de la partoprenantoj, kaj la impresa soleno finiĝis.

Ĉiuj, kiuj venis por tiu lasta adiaŭo neniam plu forgesos la emocion, kiu kunpremis ĉies koron, en kiu por ĉiam postvivos la memoro de Frans Schoofs.

* * *

## INTIMA AKCEPTO

### La prezento de la Pokalo Fr. Schoofs.

Kiel fino de la Esperanto-tago, S-ino Jaumotte kaj la administranto-prezidanto de la reĝa societo « La Verda Stelo » organizis intiman akcepton en la salonoj de la hotelo « Roi Albert ».

Multaj geesperantistoj ankaŭ tien venis kaj kunsidis ĉe malgrandaj bele aranĝitaj tabloj. S-ro Maur. Jaumotte denove klarigis tie, — kiel li jam faris en la Belga Esperantisto, — ke la restanta mono post la starigo de la monumento, estos uzata por la kreado de « Fondaĵo Frans Schoofs », kiu povas disdoni premiojn sub diversaj formoj, ankoraŭ fiksotaj.

Por tamen jam konkretigi la ideon, estis decidita la kreo de unua premio por la teatraj sekcioj sub la formo de pokalo « Frans Schoofs ». Li montris ĝin al la ĉeestantaro. Estas bela pokalo kuŝanta en prizorgata ujo.

Li daŭrigis dirante, ke ĉar la kongreso okazos tamen la sekvantan jaron en Bruĝo, kaj ĉar tiu urbo posedas la plej malnovan Esperantan grupon kaj samtempe unu el la plej bonaj teatraj sekcioj, li proponas transdoni la pokalon al la Bruĝa grupo. Varma aplaŭdo pruvis ke la ĉeestantoj plene akordiĝis kun tiu propono.

Li demandis al S-ino Schoofs transdoni la juvelon al F-ino Thooris, la fervora prezidantino de la Bruĝa grupo. Estis emociplena momento, kiam ambaŭ enbrakiĝis.

F-ino Thooris diris, kiel fieraj la Bruĝanoj estas, ke jam dufoje en unu tago oni tiel varme laŭdis la Bruĝan grupon. Ŝi dankis por la honoro de la konfido de la pokalo. Ŝi nur bedaŭris, ke la cirkonstancoj en kiuj tiu pokalo estis kreita, devas esti tiel kruelaj, tiel malĝojaj.

La Bruĝa grupo tamen nunmomente konservos la pokalon, kaj la prezidantino asertis, — kaj ŝi estis certa ke ankaŭ ĉiuj la membroj pensas same kiel ŝi, — ke la Bruĝa grupo faros kiel eble plej grandajn klopodojn por daŭre fiksi la restadon de la pokalo en Bruĝo.

En emociaj vortoj ŝi finfine dankis S-ron Jaumotte kaj S-inon Schoofs, kiu bonvolis persone transdoni la pokalon.

Longtempe la ĉeestantoj de la Esperantotago restis kune en la agrablaj salonoj, ĉirkaŭ la boneprovizitaj tabletoj, babilante pri la okazintaĵoj en Esperantujo.

S-ro Cogen tiam, en ĉies nomo, sendis laŭdajn kaj dankajn vortojn al Gesinjoroj Jaumotte, kiuj prenis sur sin la iniciaton de tiu agrabla finkunesto de labor- kaj emociplena Esperanto-tago.

Longedaŭra aplaŭdo sekvis kaj tiam, malrapide, unu post la alia, la Esperantistoj forlasis Antverpenon, ĉiuj esprimante al la organizintoj de la Esperanto-tago siajn plej varmajn gratulojn pro la sukceso. W. DE SCHUTTER.

* * *

## LA FONDAĴO FRANS SCHOOFS

### Raporto

Konsiderante la multajn aprobsignojn, kiujn ni ricevis de diversaj flankoj, ni decidis do daŭrigi sub la titolo « Fondaĵo Frans Schoofs » la enskribliston, kiun ni malfermis en niaj kolonoj, unue sub la termino « Monumento Fr. Schoofs ».

Ĝis la 17a de Junio, tago de la inaŭguro de la Monumento, alvenis al ni subskriboj de :

S-ino Schoofs;

Belga Ligo Esperantista;

« La Verda Stelo » — « Belga Esperanto-Instituto » — S-roj Maur. Jaumotte, Ch. Van der Veken; H. Boffejon; Edg. De Coster; Morris De Ketelaere; Max Bolsius; Aug. Faes; Louis De Hondt; Marcel Roost; Hector Vermuyten; Gust. Vermandere;

Genta Grupo Esperantista kaj S-ro Petiau;

Bruĝa Grupo Esperantista, Brusela Grupo Esperantista, Familio Peeters, Ges. Kempeneers;

U. E. A., Lieĝaj Grupoj, Familio Latinne, Familio Van den Putte; S-ino Van Bockel; S-roj De Schutter, Van Dijck, Braet, Cogen, Mathieux, Christiaens, Hérion.

F-ino Loquet, F-inoj Hofkens, S-ino Brunin, S-ino Gruslet, F-ino Claeyssens, F-ino Thooris, F-ino Morrens, S-ino Elworthy-Posenaer, F-ino Kenis, S-roj Ritschie, Groverman, Vandevelde (Clot.), Van Reybroeck, Cool, Guillaume, Caus, Babilon, Van den Bossche, Van Genechten, Urbach.

S-roj De Koning, Willekens;

S-ro Ginsburg;

Polica Grupo Esperantista; S-ino Staes, F., S-ino Staes Elly, F-ino Dubois, F-ino Jacobs, F-ino Nyssens, S-roj Nyssens, Geerinck, De Kegel;

S-ino Richard, S-ino Féron, F-ino Jennen, F-ino Yv. Van der Veken, F-ino Fabry; S-roj Weissenborn, Witteryck, Delava, Van der Lyn, Jacques, Rakower, Oger;

S-roj Rudner, Molenaar;

S-ino Merckx, S-roj Alofs, Sielens, Claes, Steer, Bas, anonimulo, Boeren.

S-roj Ingelram, Waumans, animulo.

Kune, tiuj ĉi subskriboj atingis la belan sumon **Fr. 12.300** por kies kunmeto ni kore dankas ĉiujn partoprenintojn.

En kunlaboro kun la Familio Schoofs, ni aĉetis la terenon, tuj post la morto de nia amiko kaj intertempe konstruigis la monumenton, pri kies inaŭgurado aperas raporton en tiu ĉi numero.

Aĉeto de pokalo kaj de floroj kaj malgrandaj pagoj alvenigis nin al suma elspezo de preskaŭ **Fr. 9.700**. Ni povas do diri, ke la « FONDAĴO FR. SCHOOFS » konsistas, ĉe l'komenco, el **Fr. 2.600**, kiujn ni, kiel eble plej multe, valorigos per aĉeto de ŝtat- aŭ urb-akcioj, kiuj pagas regulan dividendon. Por fondaĵo ni efektive ne devas nin okupi pri la eventuala ebleco de vendado je aĉetkurzo. La kapitalo de Fondaĵo ĉiam devas resti. Nur la dividendoj povas esti foruzataj. Ni nur antaŭe faris escepton por la Pokalo por la teatraj sekcioj; aliaj pokaloj kaj premioj devos deveni de la dividendoj kaj de eventualaj specialaj donacoj.

**Dankon.**

Ni ne volas fini tiun raporton ne dankinte ĉiujn kiuj kunlaboris al la bona efektivigo de la aranĝoj okaze de la inaŭguro de la Monumento Frans Schoofs.

Tiu ĉi danko iras al ĉiuj membroj de la Antverpena Komitato, kiuj helpis en la antaŭaranĝoj; al la gvidantoj de la ekster-antverpenaj grupoj, kiuj alkondukis tiel multnombrajn gemembrojn; al S-ro Derweduwen kaj la membroj de la Polica Grupo Esperantista, kaj al S-ro Van Gulck kaj la skoltoj Esperantistoj, pro la ĉeesto kun iliaj flagoj; kaj al ĉiuj subskribintoj kaj partoprenintoj, kiuj aliloke estas cititaj aŭ per bildo montritaj.

Ili povas ĉiuj esti fieraj pro sia gesto de solidareco kaj dankemo al nia granda Pioniro.

Tiu ĉi gesto neniam estos forgesata.

*Nome de la iniciatantoj,*
Maur. JAUMOTTE.



*FRAN S enlaca organiza pioniro,*
*C i, laborist' por alta idealo,*
*H elpema kor' amika, kavaliro*
*O bstina sed pripensa en batalo,*
*O feris vivon for por ESPERANTO,*
*F alante en la serv' dum sorto batis :*
*S aluton! Ve, la morto ne kompatis...*
H. V.

* * *

Dum la lastaj monatoj aperis en preskaŭ ĉiuj Esperanto-gazetoj laŭdartikoloj pri nia formortinto. Ni kompreneble ne povas presi ilin ĉiujn.

Ni el la bukedo nur ĉerpos kelkajn florojn :

*Antaŭ kelkaj tagoj ni ricevis kruelan sciigon pri grava sortobato por tuta Esperantistaro. Mortis unu el plej agemaj, sindonaj kaj oferemaj homoj, nia amata samideano.*

*Ĉiuj, kiuj lin persone konis, ĉu dum la internaciaj Kongresoj, ĉu dum gravaj kunsidoj pri la Esperanto-Movado estas konvinkitaj, ke la perdo estas treege grava, nefacile anstataŭebla.*

*Nun ne estas momento por priparoli ĉiujn liajn meritojn por nia komuna afero, ĉar lia vivo devas esti priskribita de la historiisto de nia movado. Nun ni ne povas ankoraŭ sufiĉe trankvile prijuĝi la postlasitan de li situacion en tiom granda kvanto da aferoj, en kiuj li partoprenis dediĉante sian personon senkondiĉe al la agado.*

*Mi persone perdis mian koregan amikon, kiu delonge sinofereme komune kun mi agadis en diversaj gravaj agoj kaj aferoj.*

*Antaŭ unu jaro en Antverpeno ni parolis multe pri la proksima pacigo de malagrabla situacio de UEA. Dum interkonsento en Kolonjo la afero estis regulita dank'al laboro de la Komitato en kiu Schoofs ludis gravegan rolon.*

*Nun jam post kelkaj monatoj li ne plu estas inter ni, lasinte tiom da aferoj, kiuj atendas solvon.*

*Kiu lin anstataŭos?*

*Li estis agema en tiom da gravaj institucioj en sia lando kaj eksterlande, ke mi vane serĉas en mia memoro personon tiom ageman por lin anstataŭi.*

*Belga Ligo Esperanta, Reĝa Esp. grupo de Antverpeno, Belga Instituto, Konstanta reprezentantaro de la Esp. Movado, revuo: Belga Esperantisto kaj multaj aliaj Esperanto-Institucioj kaj agoj restas nun sen lia valorega subteno kaj gvidado.*

*Kruela estas la sorto.*

*(de O. Bujwid en POLO ESPERANTISTO.)*

*Post mallonga malsano mortis nia belga samideano Frans Schoofs, la 12an de marto.*

*Li dum multaj jaroj estis sekretario-kasisto de Konstanta Reprezentaro, la ligo de la naciaj societoj. La unuan de januaro tiun ĉi jaron K. R. ĉesis funkcii laŭ la decido pri la novorganizo.*

*Frans Schoofs estis honorita per tre multaj Esperanto-oficoj. Li dediĉis al nia movado sindonan laboron. Lia praktika menso estis ofte grava trezoro dum niaj universalaj kongresoj, ĉe kiuj li ĉiam ludis gravan rolon.*

*La perdo de la Esperanto-movado estas eksterordinare granda pro lia morto. Ĉar li estis nur 46-jara, oni atendis ankoraŭ multon de li por la bono de Esperanto.*

*Fidela kunlaboranto, lerta gvidanto, praktika aranĝanto kaj amiko kun bona koro li estis.*

*La memoro de Frans Schoofs ĉiam restos viva inter la Esperantistoj.*

*(de E. Malmgren en SVENSKA ESP. TIDNINGEN.)*

*La Morto forrabas de ni lastatempe fidelajn amikojn. Ni priploris multajn foririntojn, kaj jen denove foriras de ni Frans Schoofs, en plena forto, kiam li estus povinta doni al nia movado ankoraŭ multe de si.*

*Ĉiam afabla, plena de fervoro kaj entuziasmo li prenis sur sin multajn, eble tro multajn taskojn, volante nur servi al la propogando de nia lingvo. Ne nur la belgaj organizoj, sed ankaŭ la internaciaj sentos kruele lian mankon.*

*Al la estimata familio, al lia edzino, al la belgaj esperantistoj ni esprimas nian profundan kunsenton.*

*(en « NIA GAZETO ».)*

*La 12an de Marto s-ro Frans Schoofs el Antverpeno devis foriri el la surtera vivo. Li mortis en aĝo de nur 46 jaroj. Post mallonga malsano necesiginta ĥirurgian operacion.*

*La mortinto estis unu el la plej agemaj belgaj kaj eĉ internaciaj samideanoj, serioze laboranta kaj ĉiam afabla pioniro de E. Li estis Ĉefdelegito de U.E.A. por la Teritorio Belgujo, Sekretario de la iama Konstanta Reprezentantaro de la E-Movado, Fondinto kaj Prezidinto de diversaj belgaj E-grupoj kaj institucioj kaj Direktoro de Belga Esperantisto, do verdire la animo de la E-movado en Belgujo.*

*Al la postlasitaj familianoj kaj parencoj de la kara mortinto ni esprimas nian plej koran kondolencon. Nia alte ŝatata amiko ripozu en paco, ni neniam forgesos.*

*(en « DER DEUTSCHE ESPERANTIST ».)*

*La 12-3-1934 mortis en Antverpeno post mallonga malsano, necesiginta ĥirurgian operacion, s-ro Fr. Schoofs, sekretario de la Konstanta Reprezentantaro de la Esperanto-movado, belguja ĉefdelegito de UEA, prezidanto de B. L. E., direktoro de la revuo « Belga Esperantisto » k. t. p. Schoofs ludis gravan rolon en la internacia esperato-movado kaj multe helpis per siaj amikaj interrilatoj kun ĉiuj direktodonaj gvidantoj internaciaj kaj naciaj al efektiviĝo de interkonsento de Kolonjo kaj « reorganiza » paciĝo. Sinceran kunsenton al la belguja esperantistaro kaj sinjorino H. Schoofs.*

*(en « LIGILO » — Ĉeĥoslovakio.)*

# U. E. A. B. L. E. F. L. E.

La kontrakto de Kolonjo devigas U.E.A. akcepti en ĉiu regno nur unu landan asocion. Tio kaŭzas kelkajn malfacilaĵojn kun membroj de F. L. E. kiuj emus aliĝi rekte al U.E.A. ne nur kiel M.A. aŭ M.J. — tion ili rajtas —, sed kiel simplaj membroj — tion ili nur rajtas pere de B.L.E.

Kun la espero solvi tiun ĉi demandon S-ro Fred E. Wadham, ĉefdelegito de U.E.A. en Britlando, kiu ĉeestis la kongreson de F.L.E. en Ostendo, esprimis la deziron prezidi en Bruselo sabaton la 23an de Junio kunvenon al kiu li invitis la ĉefdelegiton de U.E.A. S-ro De Ketelaere kaj reprezentantojn de ambaŭ Ligoj.

Al tiu ĉi tutintima, neoficiala kunsido iris, krom S-roj Wadham kaj De Ketelaere, S-roj Petiau, sekretario, kaj Jaumotte, kasisto de B.L.E., kaj S-roj Calloens, prezidanto, kaj Lenaers, propagandestro de F.L.E., kaj poste ankaŭ S-ro Rainson, vicprezidanto.

La kunveno staris kompreneble antaŭ tiu problemo: la kontrakto de Kolonjo, kiu devas alporti al la mondo la unuecon ekzistas. U.E.A. devas ĝin apliki lojale kaj sin kiel eble plej malmulte enmiksi en enlandaj aferoj. La solvo do devas eventuale esti trovata en Belgujo.

Se ambaŭ Ligoj deziras daŭrigi tutapartan vivadon la solvo en U.E.A. estas la strikta apliko de la kontrakto de Kolonjo. Se aliflanke oni volas trovi alian solvon, oni devas serĉi rimedojn por ebligi kunvivadon de ambaŭ Ligoj.

El longa tuttrankvila, ni povas aldoni ankaŭ tutsincera kaj kamarada diskuto, aperis klare, ke se ĉiuj en Belglando loĝantaj Esperantistoj volas kunlabori sur la internacia kampo, estas nur unu rimedo : la konfederacio de ĉiuj grupoj Esperantaj de Belgujo.

La grava afero estas tamen ke, se B.L.E. laŭ sia regularo estas funde neŭtra, sin okupas nur pri Esperanto kaj akceptas nur neŭtrajn grupojn. F.L.E. kontraŭe, laŭ la certigo mem de la estraranoj akceptas ne-neŭtrajn, vere politikajn grupojn i.a. front'ajn, katolikajn kaj alitendencajn grupojn kaj precipe apogas sian propagandon sur la porflandruja entuziasmo de siaj membroj, kio verdire estas la signo, se ne de politika almenaŭ de faka societo

Malgraŭ la granda diverseco do en la konstruo mem, en la celoj ankaŭ, la kunvenintoj daŭrigis la diskuton kaj alvenis al plano, kiu se ĝi estus ellaborita kaj unuanime kaj sincere akceptata kaj honeste aplikata, povas esti konsiderata kiel solvo.

La kunvenintoj tamen ne havis kiun ajn rajton por negoci iun solvon nome de ambaŭ Ligoj kaj do povis nur alpreni rezolucion, kiu invitas ambaŭ Ligoj ekzameni la situacion, vidi ĉu iu ŝanĝo estas dezirata kaj, en jesa okazo ,alpreni kiel bazo por eventuala priparolo planon, kiu estas rezultato de serioza individua diskuto.

La tekston ni donas ĉi sube, sed nia organo ne polemikos pri la afero nek enpresos privatajn opiniojn de legantoj. La Ligestraro devos ekzameni ĝin funde, povos inviti la grupojn, konigi eventuale ilian opinion per iliaj komitatanoj aŭ alimaniere.

Jen la teksto :

**« Konsiderante:**

**1. Ke unueco de organizo kaj propagando estas dezirinda ĉe la Esperanta movado en la Belga teritorio;**

**2. ke la nuancoj de la politika opinio rilate al enlandaj lingvoj ne estas sufiĉe fortaj por disigi la Esperantistojn;**

**la SUBSKRIBINTOJ, kunsidintaj la 23an de Junio 1934 en Bruselo, sub prezidado de S-ro E. Wadham, Ĉ. D. de UEA en Britlando**

**DECIDAS PROPONI al siaj respektivaj estraroj ke BELGA LIGO ESPERANTISTA kaj FLANDRA LIGO ESPERANTSTA difinu reprezentantojn al komuna kunsido por ellabori planon de reorganizo laŭ la sekvantaj principoj:**

**1. Ekzistas en Belglando du Federacioj nome: Flandra kaj Valona kun apartaj estraroj;**

**2. La du Federacioj formas kune unu Landan Asocion, kies estraro estu elektata de ambaŭ Federacioj laŭ proporcio de la membraro;**

**3. La Landa Asocio aligu siajn membrojn al UEA difinante unu C.D. por la Teritorio.**

# BELGA KRONIKO

## Grupa Kalendaro

*LEXICON KART-LUDO. — Ni atentigas la grupestrarojn pri la ekzisto de speciala kartludo, kun Esperanto-literoj, kun kiuj oni, dum la ludo, devas formi Esperanto-vortojn. La ludo estas tre amuza kaj lerniga por la membroj.*

*La 52 kartoj en eleganta skatoleto en libro-formo, estas eldonata de « Brita Esperantista Asocio » kaj estas akirebla ĉe « Belga Esperanto-Instituto », je la prezo de Fr. 15,—.*

*Bonfaremaj membroj donacu unu ludon al sia grupo !*

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20 h. 30.

7 Julio : Tra la internacia gazetaro.

14 Julio : Humora vespero.

21 Julio : nacia festo (ne kunveno).

28 Julio : konkursoj, ludoj.

AALST-ALOST. — **Sekcio de B.L.E.** — Kunvenejo « Burgershuis », Granda Placo. Ĉiujaŭde, je 20 h. 30.

BRUĜO. — **" Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — Kunvenejo: « Oud Brugge », ĉiumarde 20 h.

1 Julio (dimanĉon) : Kolonia Tago, partopreno en la sekvantaro sur la « Granda Placo », je la 10-a matene. Posttagmeze : Ekskurso al Lophem, Labirinto. Kunveno Staciplaco, Tramo N-ro 2, je la 2-a.

3 Julio : Laŭ ĝenerala peto : 2-a prelego de F-ino S. Vanden Berghe, « De la Primitivoj ĝis la nuntempa Arto ». Poste : Komuna Legado de « Belga Esperantisto ». Prez. S-ro Ch. Poupeye.

10 Julio : Kanta vespero sub gvidado de F-inoj A. Boereboom kaj S. Weissenborn. Dum la ripozoj : Poŝtmarka borso.

17 Julio : Priparolado de S-ro G. Groothaert, « Skizoj el la Milito ». (Prez. F-ino Y. Hubrecht.)

24 Julio : Humora Vespero. (Prez. S-ro G. E. Guillaume.)

31 Julio : Konkursoj kaj Ludoj. (Prez. F-ino M. J. Vanden Berghe.)

N. B. a) La grupa biblioteko estas malfermata en la grupa sidejo : Hotelo « Cornet d'Or », ĉiumarde de la 19,30-a ĝis la 20-a. Bibliotekistoj : S-roj Ch. kaj J. Decoster. — b) Ĉe la komenco de ĉiu kunveno okazos « Samideana Prediketo ». — c) En okazo de bela vetero iu aŭ alia el tiuj kunvenoj povos esti anstataŭata per komuna vespera promenado. — d) Pĉ. de la grupo estas 234.004 ; telef. de la Prez. : 320.86.

BRUSELO. — **"Esperantista Brusela Grupo".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

La 2an de Julio : S-ro Swinne prezidos.

La 9an de Julio. — S-ro Hart prezidos.

GENTO. — **« Genta Grupo Esperantista ».** — Kunvenejo en la lernejo Nova strato Sankta Petro N° 45 ; ĉiumerkrede je la 7ª vespere.

La membroj estas petataj regule ĉeesti tiun kunvenon dum kiu oni paroladas, ellernas la lingvon kaj kutimiĝas ĝin flue paroli.

LIEĜO. — **« Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto ».** — Kalendaro laŭ la grupoj :

*Grupo de Chênée :* provizore, daŭrigo de la kunvenoj lundaj kaj vendredaj, ĉe F-ino Baiwir, rue des Grands Prés, 72.

*Grupo de Liego :* provizore ankaŭ : ripozo.

*Grupo de Sclessin :* ĉiujaŭde je 19 h. 30 vespere, ĉe S-ro L. Dechesne, rue Ernest Solvay, 1, ekzercigaj kunvenoj. — En Julio : la 5-an, 12-an, 19-an kaj 26-an.

## Grupaj Raportoj

*NOTO POR LA GRUPESTROJ. — La Direktoro de la Revuo libertempos de la 14a de Julio. La kompleta teksto de la numero de Aŭgusto, kiu tamen aperos antaŭ la fino de la monato de Julio, devos tial esti preta, plej laste la 13an de Julio. La grupestroj do ĝis la 12a sendu kalendaron kaj raportojn. Lastmomentaj, urĝaj komunikoj estas poste sendotaj al S-ro W. De Schutter, 3 Smedenstraat, Wilrijck.*

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Je la fino de Majo komenciĝis granda konkurso per la kartludo « Lexicon ». Tiu ĉi konkurso, kiu okazas ĉe 4 kaj 5 tabloj kaj enhavas ses seriojn, kompreneble ne povis fini en du kunsidoj. Ĝi tial estas daŭrigata en la sekvantaj kunvenoj, post la ordinara programo.

La 2an de Junio, S-ro Willy De Schutter, ĵurnalisto, parolis plej humore pri Preseraroj. Li aldonis teknikan klarigon pri la kompostado kaj presado de tekstoj, afero kiu verdire interesas ĉiun Esperantiston. S-ro Jaumotte, kiu estis prezentinta lin ankaŭ lin kore gratulis.

La 9an de Junio, granda nombro da membroj iris al la jara foiro.

La 16an de Junio, okazis la diplomdisdono de la kursoj de S-roj Vermuyten, Boffejon kaj Van Dijck. Se, laŭ la nombro, tiuj kursoj ne sukcesis kiel tiuj de antaŭaj jaroj, la kvalito almenaŭ kompensas tion parte. Akiris la diplomon kun plej granda merito : S-ro Ingels ; kun granda merito : S-roj Van Sprundel, Waumans kaj Inghelram ; kun merito : F-ino Van Kerckhove, S-ro Delava kaj F-ino Leers ; kun sukceso : S-ro Van den Eeden.

Pri la okazintaĵoj de la 17a, detaloj aperas, sub speciala rubriko.

La 18an komenciĝis rapida kurso gvidata de S-ro Jaumotte. Ĝin ĉeestas deko da lernantoj.

La 23an de Junio, la ĝenerala monata kunsido venigis multajn membrojn. Oni priparolis diversajn propogandajn punktojn. La Prezidanto komunikis ke S-ro Faes reakceptis la sekretariecon, dum S-ro De Coster ,kies nomo forfalis en la lasta komuniko, kompreneble daŭrigas la plenumon de la kasista tasko, kiun li jam dum pli ol 10 jaroj zorge flegas.

La 24an okazis belega ekskurso tra granda parto de Valonujo. Ĝin partoprenis Japana samideano, kiu, kun sia ŝipo, momente estis en Antverpeno.

**Esperanto-kurso en Mariaburg.** — La Esperanto-kurso organizita en Mariaburg dum la pasinta Oktobro, kaj gvidita de nia samideanino S-ino Elworthy-Posenaer, daŭriĝis ĉiuĵaŭde ĝis Novjaro en la kafejo « Prins Albert », de post tiu tempo la gelernantoj kunvenis en la domon de la kursgvidantino. El la dek enskribitaj, ok fidele ĉeestis ĝis la fino. La lasta leciono okazis la 17an de Majo, sed la ĵaŭdon 24an la kurspartoprenintoj ankoraŭ lastfoje kunvenis ĉe S-inon El-

worthy por fari malgrandan manifestacion de danko. Ili donacis al la profesorino belegan hortensio-planton en arta potingo, kiu lasta estos por ŝi daŭra memoraĵo pri la dankemo de la lernintoj. Tiu adiaŭa vespero agrable forpasis en iomete festa atmosfero, kaj ĉiuj partoprenintoj firme promesis reveni en la proksima aŭtuno por ĉeesti kurson por perfektigo, kiun esperebIe ankoraŭ organizos S-ino Elworthy. Intertempe ili propagandos laŭ sia povo nian karan lingvon kun la espero varbi novajn adeptojn por nia movado.

**BRUĜO. — " Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — Dum la kunveno de la 8-a de Majo, la ĉeestantoj longe priparolis la projekton de esperanta stando en la Bruĝa Komerca Foiro, okazonta de la 11-a ĝis 20-a de Aŭgusto. La esperanto-fako de la Foiro, sub gvido de la Bruĝa Grupo, jam vigle funkcias je plena kontenteco de la Foira Komitato.

La 15-an de Majo okazis interesplena debato: « Vintro aŭ Somero » sub la gvidado de S-ro Guillaume. Partoprenis en la diskutado: S-roj Poupeye, Ch. Decoster, F-inoj Leibrandt, Thooris, S. kaj M. J. Vanden Berghe.

Mardon, 22-an de Majo okazis surpriza vespero. La ĉeestantoj unue elektis kiel prezindanton de la kunveno S-ron Ch. Decoster, sub kies gvidado tiu kunveno fariĝis interesa rakonta vespero. La ĉeestantoj raportis travivitajn historiojn.

La 29-an de Aprilo « Amuza Vespero ». La prezidantino F-ino Thooris donacis novan ludkartaron « Lexicon » al la grupo. Tuja ludado interesis ĉiujn kaj pravigis la rapidan famon de tiu novstila esperanto-kartludo.

**BRUSELO. — Esperantista Brusela Grupo.** — La 28an de Majo S-ro Castel prezidis. Li klarigis spritan konkurseton.

La 4an de Junio S-ro Lavisse prezidis. Li organizis ludon. Ĉiuj laŭvice diris al S-ro Lavisse adjektivon por kompletigi skribaĵon kiun li alportis. La legado de tiu kompletigita teksto faris amuzan impreson. Poste la Prez. rakontis spritaĵojn.

La 11an de Junio oni diskutis pri diversaj aferoj sub la Prez. de F-ino De Boeck.

**LA LOUVIERE. — « Verda Stelo » esperantista grupo de la Centra regiono.** — Dum kunveno de la 16a de Junio stariĝis nova grupo kaj jena estraro estis nomita: Prezidanto: S-ro André TASSIN, industriisto (La Louvière); Vic-Prezidanto: S-ro Emile JACQUES, industriisto (La Louvière); Sekretario: S-ro PARFONDRY, instruisto (St-Vaast); Vic-Sekretario: S-ro Pierre GENON, fabriklaboristo (La Louvière); Kasisto: S-ro HERLEMONT, komunumoficisto, (La Louvière); Bibliotekisto: S-ro Maurice DAEMS, fabriklaboristo, (La Louvière); Membroj: S-roj MASSART kaj DELVAUX (La Louvière) kaj LIBOUTON (Souvret).

**LIEĜO. — Soc. Lieĝa por la Propagando de Esp.** — La kursfinaj ekzamenoj anoncitaj okazis laŭ tre kontentiga maniero, se oni nur konsideras la kapablon de la laŭreatoj. La nombro tamen estis multe malpli grava, ol pasintan jaron. Plenaj detaloj pri la rezultatoj estos konigataj post la disdono de la diplomoj, kies ceremonio okazos dimanĉon 24-an de Junio matene en la sidejo de Sclessin'a grupo.

Ĉar ĝiaj profesoroj nun estas liberaj, tiu ĉi grupo reorganizis siajn ĉiusemajnajn perfektigajn kunsidojn, kiuj de nun okazas ĉiuĵaŭde je 7 h. 30 vespere, en la kutima ejo: rue Ernest Solvay, 1.

En Lieĝo, pro la libertempoj, la grupo, kiu havas sian kunsidejon en lernejo pretiĝas kontraŭe ĉesigi ĝis septembro sian duagradan kurson.

Chênée siaflanke studas la eblecon konservi ankaŭ siajn ĉiusemajnajn kunvenojn.

Krom tio, la komitatoj jam nun preparas la organizon de la kursoj de venonta vintro. Pliaj tiurilataj informoj baldaŭ sekvos.

**NINOVE. — 9a Kongreso de belgaj stenografiistoj esperantistaj.** — Tiu ĉi kongreso okazis Sabaton, la 16-an de Junio. Ĝi estis organizata de S-ro Cogen prezidanto, kaj Rogiers, sekretario, de la loka sekcio, kiujn kore dankis S-ro Haillez, parlamenta stenografiisto. La kongreso, prezidita de S-ro De Baerdemacker estis akceptata de la Ninova urbestraro.

## Gratuloj

— Al Ges. Jan Van Bockel-Van Walle, gemembroj de « La Verda Stelo » (Antverpeno) okaze de ilia geedziĝo 12-6-34.

— Al F-ino Juliette Boedt, membrino de Bruĝa G. E., kiu akiris du venkojn en naĝkonkurso en Banpalaco de Oostende, 19-5-34.

— Al Ges-roj G. Groothaert-van Sevenant, gemembroj de Bruĝa G. E. okaze de la Solena Komuniiĝo de ilia filo Guy, 31-5-34.

— Al S-ro G. .E. Guillaume, kasisto de Bruĝa G. E. pro edziĝo de lia filo Werner kun F-ino Eugenie Vanden Bosch el Gento, 14-6-34.

## MONSUBTENO

Laŭ peto de la Ligestraro, ni en ĉiu numero daŭrigos subtenliston, por la eldona kaso de « Belga Esperantisto », dum ni ankaŭ kvitigos per mencio ĉiujn pagojn, farotajn al la « Fondaĵo Frans Schoofs ».

Ni memorigu, ke, por ambaŭ, ni akceptas eĉ la plej malgrandajn donacojn. Ili estas bonvenaj sur Poŝtĉekkonto 1337.67 de « Belga Ligo Esperantista ».

Por « BELGA ESPERANTISTO »:

| | | |
|---|---|---|
| Donaco de S. L. P. E. . . . . . | Fr. | 20,— |
| Bruĝa Grupo (soldo de Majo) . | Fr. | 5,— |

Por « FONDAĴO FRANS SCHOOFS »:

| | | |
|---|---|---|
| Komenca sumo . . . . . . . . | Fr. | 2.600,— |

## INTER NI

*Grupeto de bonaj samideanoj esprimis la deziron, malfermi interkorespondadan angulon en nia Revuo, kaj havigas al ni kelkajn unuajn frazojn, kiujn ni senpage presas. Ni antaŭvidas ke tiu ĉi rubriko povas havi sukceson. Ni tamen volas nur favorigi tiun sukceson, se la partoprenontoj memoras pri « Panjo la Kaso ». Tiuj, kiuj do respondos, povas ensendi maksimume 12 liniojn de ĉirkaŭ 60 literoj aŭ spacoj, por Fr. 2,—. La pagon oni povas fari per P. M. aŭ al Pĉk. de la Ligo. Sufiĉas en tiu ĉi lasta okazo ripeti sur la pagilo la pseŭdonimon uzitan en la letero al ni sendita.*

1. AL S-RO DE SCHUTTER. — Mi ŝatus koni la tekston de poezio tre sprita en franca lingvo pri « Preseraroj », kiun vi legis dum parolado. — AL F-INO SUZANNE VANDEN BERGHE: Ĉu vi ne volus konigi al mi bonan, ne tro multekostan libron por iom studi la Historion de la artoj. — *Tarzan.*

2. AL LA BRUSELANOJ: Ĉu la dokumentoj pri Svisujo disdonitaj ĉe lasta parolado estas en Esp.? Ĉu ili ankoraŭ estas haveblaj? — AL ĈIUJ: Kio estas plej rekomendinda: rekta aŭ nerekta metodo por instruado de Esp. — *Piono.*

3. AL ĈIUJ: Kiu volas apogi proponon ĉe la Ligestraro organizi borson de P. M. kaj event. ekspozicion dum ĉiu Kongreso? — *Kamarado.*

**AL LA ABONINTOJ DE LITERATURA MONDO**

Tiuj niaj legantoj, kiuj abonis al « Literatura Mondo » pere de « Belga Esp.-Instituto » estas petataj interrilati kun la direkcio: Kl. Hondstraat, 11, Antverpeno.

## Informoj

***La aliaj rubrikoj: Literaturo, Bibliografio, Informoj, k.t.p. estas prokrastataj ĝis proksima numero.***

## MALGRANDAJ ANONCOJ

— Bruĝa Grupo Esp. organizas standon « Esp. & Komerco » ĉe Bruĝa Komerca Foiro, 11-a ĝis 20-a Aŭgusto 1934, petas alsendon de interesa ekspoziciota materialo, adreso: ŝoseo de Blankenberge, 44, Bruĝo (Belgujo). — Kartoj de aĉetanto rajtigantaj senpagan eniron, haveblaj po 1 Fr. al Pĉk. 211.492 Ch. Poupeye, Bruĝo.

— F-ino Ruht Isacsson, Tjänstemana-mässen, Göta (Sved.), 20-jara, deziras korespondi.

— S-ro Einar Nilsson, Hudiksvallsgat, 12, Hölsingborg (Sved.) lernanto de popola lernejo, deziras korespondi.

— S-ro Johano Kotoulek, lokomotivisto, Nové-Zámky Vypalisko 13 II/20 Ĉeĥoslovakujo, deziras interŝanĝi P. M. laŭ kvanto aŭ valoro, kaj el diversaj landoj. Certe kaj nepre respondas.



## ĈIUJARA NACIA SKOLTOTENDARO





Ĝenerale ne estas tre agrable, konstati ke oni venas tro malfrue. Tamen la 21an de Majo mi vizitis la vastan nacian skoltotendaron sur la maldekstra Skeldobordo, en Antverpeno, por fari iomete da propagando poresperanta, en la medio en kiu oni eble plej akre sentas la bezonon de neŭtrala interkomunikilo. Kaj tie mi aŭdis kun granda plezuro ke mi venis tro malfrue. Dimanĉvespere, la 20an de Majo, diversaj skoltoj estis farintaj jam grandskalan kaj interesan propagandon por Esperanto, disdonante al ĉiuj skoltoj kaj vizitantoj flugfoliojn « L'Esperanto en un coup d'oeil », « Esperanto at a Glance », kaj la bone konatajn ruĝajn broŝurojn de la B. E. I. kiuj restos ĉiam la plej efikaj propagandiloj.

Dum mia rondiro sur la tendarejo kiu estis tre zorge elektita kaj ornamita per flagoj kaj trupoinsignoj, mi « intervjuis » kelkajn skoltojn kaj povis konstati ke ĉiuj estis aŭdintaj pri la Esperanto-propagando, dum la pentekostaj tagoj.

Kiam ni scias, ke la du organoj « Scoutsleven » kaj « Le Scout » jam enhavis diversfoje artikoletojn pri la utileco de nia lingvo, ke la revuo « Le Boy-scout belge » enhavas ĉiumonate esperanto-lecionon, tiam ni devas konfesi ke la belga skoltaro jam faris gravan paŝon antaŭen kaj ke tie ĉi malfermiĝis fruktedona kampo por fari daŭran propagandon, por ke baldaŭ ambaŭ vortoj « Skoltismo » kaj « Esperantismo » iĝu nedisigeblaj! (1)

Henri SIELENS.

(1) Poste mi aŭdis ke precipe mia amiko Georges Van den Bossche estis farinta grandan propagandon, kaj ke la Skoltestroj kore dankis lin pro tio. La sekvo ĝis nun atingita estas ke jam dekkvino da junaj skoltoj petis Esperantokurson kiu komenciĝos lundon la 2an de Julio. Korajn gratulojn kaj dankon al Georges. H. S.
Same kiel al S-ro Sielens, kiu gvidos la kurson. — *Noto de la Redakcio.*

## BONHUMORO



Eltrovaĵo de maldiligenta viro!



— Sinjorino, la hundo estis enŝlosita en la kuirejo.
— Li faris gravajn malbonaĵojn?
— Li manĝis ĉion, krom la hundan panon.



— Jen, malfeliĉulo! Vi certe perdis viajn krurojn en grava akcidento?

RADIO DISKOJ GRAMOFONOJ

# LA VOĈO DE SIA MASTRO

La Marko
tutmonde konata
pro la perfekteco
de siaj produktoj




# BOLSIUS

Korte Koepoortstr., 11
ANTVERPENO
*Firmo fondita en 1828*

ĈIUJ MASTRUMAJ ILOJ

Daŭre brulantaj fornoj « JAN JAARSMA »
Kuirejaj fornoj
HOMANN kaj KÜPPERBUSCH
*Ĉiuspecaj Infanveturiloj*

Lavmaŝinoj « JOHN »
Funkcias per gaso aŭ karbo



*Membroj de*
*Belga Ligo Esperantista ĝuas rabaton*

## Belga Manufakturo de Industriaj Produktoj

Societo anonima (Fondita en 1872)

**18, Rue Neuve, 18**
**LEDEBERG-APUD-GENTO**
**Telegrafadreso : " PERFECTA " GENT**
**Telefono : 635**

Dozitaj analiziloj por la uzado de la industriaj akvoj
Logika purigo per purigaj aparatoj aŭ en kaldronegoj kun aŭ sen aparatoj.
Senpera importado de industriaj oleoj kaj grasoj.
Stupo. Kaŭĉuko. Klapoj. Rimenoj.
Kotonrestaĵoj por purigi maŝinojn.

VIZITU BRUĜO (BELGUJO)
arta urbo je 15 Km. de la Norda Maro
kaj haltu :

## HOTEL DU CORNET D'OR

**2, PLACE SIMON STEVIN**
Sidejo de la Bruĝa Grupo Esperantista.
Centra situacio je 2 minutoj de la Stacidomo.
Tre komfortaj ĉambroj, bonaj manĝaĵoj.
bonaj vinoj kaj tre moderaj prezoj.
*Oni parolas Esperanton.* *English spoken.* (106) S.D.

OSTENDO BELGUJO
**HOTEL VROOME**
20. BULVARDO ROGIER. TEL. 37
*RENDEVUO DE LA ESPERANTISTOJ*

ĈIUJ ESPERANTISTOJ

# KAPVESTAS

sin ĉe

## SAMIDEANO CAUS

Ĉapeloj : ĉiuj markoj kaj prezoj
Kasketoj por vojaĝi
Ombreloj por Sinjorinoj kaj Sinjoroj
*Firmo fondita en 1898*
**Vondelstrato, 19, ANTVERPENO**

*Por rapide transformi*
*la « vortojn » en « skribon »,*
*por ke la « pensoj » iĝu « agoj »*
*por plej efike uzi vian tempon,*
*por havigi al vi pli multe da tempo*
**diktu per la**

# "DICTAPHONE"

(Reg. U. S. Pat. Off.)

KAJ DUOBLIGU TIAMANIERE
VIAN POVON AKIRI FARITAJOJN
La "DICTAPHONE"
**estas aparato plej simpla.**
Dokumentiga broŝuro sendata laŭ peto.

## Robert CLAESEN

GENERALA AGENTO
40, rue de Loxum, BRUXELLES
Telefono 11.06.82

**BELGA MARBORDO** 03

## Grand Hôtel d'Oostduinkerke

Bone konata de multaj Esperantistoj
**P. BENOIT, Delegito de U.E.A. Posedanto**

## Ĉapelejo GOETHALS

**Nuna posed.: Palmyre van Moerkercke**
**66, Rue des Pêcheurs, 66, BLANKENBERGHE**
Reg. Kom. Bruges 4344

Granda sortimento de Ban-Kostumoj kaj Kufoj.
**Tenis-ŝuoj.**
Ĉapoj, Gesinjoraj kaj Infan-Ĉapeloj.
Fantaziaĵ-artikloj.

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Kleine Hondstraat 11, ANTVERPENO.